# Jukatana majaa lingvo

La **jukatana majaa lingvo** (memnomigo: *Màaya t'àan* (Mayathan), hispane: *Maya yucateco*) estas unu el la majaaj lingvoj, kiu estas parolata sur la jukatana duoninsulo, en la norda Belizo kaj en la nordo de Gvatemalo.

La majaa skribo aŭ la **majaaj hieroglifoj**, estas la skribsistemo uzita de la majaa civilizo en la Antaŭkolumba Ameriko, pli specife en la regiono Mezameriko. La skribaĵoj aŭ literoj estis nomataj hieroglifoj de la antikvaj eŭropaj esploristoj de la 18a kaj 19a jarcentoj, kiuj ne komprenis ĝian signifon, sed atribuis similecojn laŭ ilia aspekto kun la egiptaj hieroglifoj, kun kiuj la majaa civilizo ne havis kontaktojn. Temas pri la sola skribsistemo deĉifrita el la mezamerikaj skribsistemoj. La unuaj enskriboj identigeblaj kiel majaaj datas de la 3a jarcento a.K. kaj la skribo estis uzata ĝis iom da tempo post la alveno de la hispanaj konkistadoroj en la 16a jarcento (kaj eĉ poste en lokoj kiel Tayasal). La majaa skribo uzis logogramojn kompletigitajn de silabaj glifoj, kun funkcioj similaj al tiuj de la japana skribo.

**Jukatana majaa lingvo *(Màaya t'àan)***



| | |
|---|---|
| **Parolata en** | Meksiko (Jukatanio, Quintana Roo, Campeche), Belizo |
| **Parolantoj** | 805,000 |
| **Skribo** | latina alfabeto |
| **Lingvistika klasifiko** | |

- Majaaj lingvoj
  - Jukatanaj lingvoj
    - Jukateko-Lakandona

**Oficiala statuso**

| | |
|---|---|
| **Reguligita de** | Instituto Nacional de Lenguas Indígenas |
| **Lingva statuso** | 3 sendube endanĝerigita |

**Lingvaj kodoj**

| | |
|---|---|
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-2** | myn (Maya) |
| **ISO 639-3** | yua |
| **Glottolog** | yuca1254 |
| **Angla nomo** | Yucatec Maya |
| **Franca nomo** | maya yucatèque |

## Literaturo


- Kauderwelsch, Maya für Yucatán Wort für Wort (broŝura) de d-ro. Nils Th. Grabowski kaj Katrin Kolmer. ISBN 3-89416-367-4
- Mengin, Ernst (eldonisto) 1972, *Bocabulario de mayathan. Das Wörterbuch der yukatekischen Mayasprache.* Kompleta faksimila eldono de la Codex Vindobonensis S.N. 3833 de la Aŭstria Nacia Biblioteko (Österreichische Nationalbibliothek). Graz: Akademische Druck- und Verlagsanstalt (Bibliotheca Linguistica Americana).


## Eksteraj ligiloj

- Retliga kurso (kun aŭdaĵo) pri la jukatana majaa (http://www.uady.mx/sitios/mayas/curso_maya/index_01.html)lingvo (por hispanlingvanoj)
- Vortaro Hispana - Mayathan kaj Mayathan - Hispana (http://www.uady.mx/sitios/mayas/diccionario/index.html)
- Vortaro: Jukatana Majaa - English (http://www.websters-online-dictionary.org/definition/Yucatec-english/) (inverse ne eblas)

- Ethnologue (http://www.ethnologue.com/show_language.asp?code=yua)
- Artikolkolekto pri socilingvistikaj demandoj (http://www.mayas.uady.mx/articulos/index.html)



Skribaĵo en majaa lingvo


Mapo de lingvoj en Meksiko


Majaaj signoblidoj, Muzeo de Palenque, Meksiko

---